# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 12/10/2017 Tricent- kvardektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Freelang Vortaro * Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio * Google Translate * Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,050,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **223,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,270,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. K.



La adjektivaj pronomoj estas "mia, cia, lia, ŝia, ĝia, onia, nia, via, ilia, kaj sia", kiuj estas faritaj, per la aldono de la adjektiva finaĵo "-a", el la substantivaj personaj pronomoj. Krome en ĉi tiu grupo estas la "nudaj" adjektivaj pronomoj ia, tia, kia, ĉia, nenia, kaj iu, tiu, kiu, neniu kaj ĉiu. Ili ne ricevas la adjektivan finaĵon "-a", sed povas ricevi la pluralan "-j" kaj la akuzativan "-n". Ili neke kuniĝas kun aliaj radikoj, nek la adjektivaj pronomoj ies, ties, kies, ĉies kaj nenies, kiuj lastaj krome ne povas ricevi la pluralon nek la akuzativon. "Kia" kaj "kiu" kaj "kies" funkcias ankaŭ kiel rilataj pronomoj.

La adverbaj pronomoj estas "ie" k.t.p kaj iam k.t.p. kaj ial k.t.p. kaj iel k.t.p. kaj iom k.t.p. Nur "ie" k.t.p. povas ricevi la akuzativan –n. Oni kelkfoje alikategoriigas ilin: iea, ioma, tialo, kaj oni kelkfoje renkontas (por "malsame kiel") la kunmetaĵon "malkiel", kun duba ĝusteco. Certe malĝustaj estas "onies" kaj "oniies".

(daŭrigota) *Marcel Leereveld*.





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 17an de Septembro estis la tria sabato. Venis Roger, Chris, John, kaj Eunice.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*



# Pri SIMPLE VOLIS KUNVETURI AE 342



Estis miskompreno en la numero 342 de via bulteno. Tiu rakonto *Simple volis kunveturi* ne estas verko mia. Mi nur tradukis ĝin. La aŭtorino estis Pat Palmer, la bopatrino de nia nacia prezidanto Sandor Horvath, patrino de Helen, la vivkunulino de Sandor. Pat mortis antaŭ kelkaj jaroj, sed ni ĉiuj memoras ŝin kun granda simpatio. Do ne temis pri novelo, sed pri fakta raporto el la libreto de Pat, *Good for the Soul,* aperinta en 2016. Ĝin kunmetis Helen el kolekto de vojaĝraportoj.

Amike*, Trevor Steele*



# Pri futbalo:



Mi longe pensis por trovi Fundament'ecan vorton por la aŭstralia "futbalo". "Piedpilkludo aŭ Piedpilk(um)ado" estas litera traduko sed ne montras la diferencon inter la aŭstralia kaj la internacia piedpilkludo. Mi opinias, ke la vorto ĝustas por la internacia Piedpilkumado, ĉar en tiu ludo oni uzas, por frapi la pilkon, tre precipe la piedojn, kun nur kelkaj necesaj kaj naturaj esceptoj kie oni uzas la manojn aŭ la kapon. Sed en la aŭstralia "futbalo" oni ofte uzas la manojn por trakti la pilkon. Ĝi estas kvazaŭ miksaĵo de piedpilkado kaj manpilkado, kaj eĉ por piedsendi la pilkon en la celon oni rajtas uzi la helpon de la manoj, kio ne okazas en la internacia formo. Do mi opinias, ke la aŭstralia formo nomiĝu "man-piedpilkludo". Kompreneble mi ne estas spertulo pri ĝi, sed multaj homoj diskutas pri la aŭstralia ludo sen esti spertuloj. Mi eĉ malŝatas tiun ludon, ĉar la ludantoj emas ataki la kontraŭajn ludantojn pli ol la pilkon. Dum mi estis lingvoinstruisto en privataj lernejoj*, The Friends' School* kaj *Caulield Grammar kaj Geelong College,* mi kelkfoje devis superrigardi lernejanojn piedpilkludantajn kontraŭ aliaj lernejoj, kaj eĉ tie mi malŝatis la gepatrojn instigi siajn filojn mortigi la kontraŭulojn kriante *"kill him"* kaj *"kill them"*. Kvankam tio estas figura lingvo, mi ne ŝatas ĝin. Kaj kiam erare mi rigardis etan parteton de la plenkreskula sporto, min naŭzis ilia korpa batalemo kaj dolorigemo. Kaj granda parto de la rigardularo ĝuanta kaj stimulanta tiun dolorigemon. Malpacema deziro malebligi la kontraŭulojn en nia pacema nacio. Sed eble ili argumentus ke temas pri ilia pacema deziro en malpacema nacio. Tamen mi neniam rigardis kiam mia filo ludis man-piedpilkadon, ne ĉar mi malamas lin sed ĉar mi malamas la vundan bataladon. Por trovi vorton por *Rugby*, mi devis rigardi kelkajn ludpartojn en la televido, kaj mi konkludis, unue ke la pilko estas neesencaĵo kaj ke ili povus uzi same kukon aŭ lulon aŭ pupon, kaj due ke precipas la luktado, kiam la ludantoj ĉiuj penas grimpi sur la aliajn samseksulojn, ja virojn, kvazaŭ samseksemuloj. Ne miskomprenu min: mi voĉdonis "jes" en la multekosta voĉdonado por permesi oficialajn unuseksedziĝojn. Nu, mi konkludas ke la plej bona nomo por "rugby" estas "luktpilkludado".

*Marcel Leereveld.*



# Pri la kuraĝa Zamenhof:

Kvankam Zamenhof, post unue ĝuste krei verban pasivon, poste enkondukis adjektivan pasivon, malĝuste konsilante uzi por tiu verba pasivo lian sistemon de aktivaj kaj pasivaj participoj adjektivaj, por kontentigi la eŭropanojn. Tiu lia bonega sistemo donis al ni la eblon krei adjektivojn kun verba radiko, kaj uzi komplementojn ĉe tiu verba parto de la adjektivo. Ekzemple: "La dum la vintro en specialaj bovinejoj pajlon manĝantaj bovinoj" kaj "La dum la vintro de bovinoj en la bovindomoj manĝata pajlo". Lia kuraĝo konsistis en tio, ke ni nun rajtas uzi adjektivojn kaj adverbojn (kaj kelkfoje substantivojn) entenantajn verban radikon kaj uzi komplementojn al tiaj verbaj radikoj. Same kiel diri "La ĉiutage viandon manĝanta hundo" kaj "La de la hundo rapide manĝata viando", ni povas diri "La ĉiutage viandon manĝema hundo" kaj "La rapide de la hundo manĝinda viando" por "La hundo emas manĝi ĉiutage viandon" kaj por "La viando indas rapide de la hundo manĝati". En etnaj lingvoj oni normale povas havi tiajn komplementojn nur ĉe verbaj participoj. Se oni ne kutimas uzi tiajn Esperantajn esprimojn, ili aspektas al oni pli-malpli pezaj kaj komplikaj. Sed miskomprenoj malfacile okazas ĉe tiaj uzoj, pro la striktaj gramatikaj reguloj de Esperanto. Oni ne povas uzi tiajn komplementojn ĉe aliaj kategorioj ol verboj, ĉar Zamenhof ne donis tiajn ekzemplojn eble kaŭzantajn miskomprenojn. Oni do ne povas diri "La granda oranĝarbeto" por "La arbeto kun grandaj oranĝoj"; oni nur povas mallongigi la esprimon dirante "La grandoranĝa arbeto". Neke oni povas diri "La iomete nigrulo alta" por "La alta ulo iomete nigra" aŭ "La iometnigra altulo".

*Marcel Leereveld.*



# Senkulpaj Viktimoj de Pafiloj



La mortigitoj, la vunditaj, iliaj familanoj kaj amikoj, ĉiuj civitanoj, la malsanulejoj, la homoj kiuj prizorgas la viktimojn, impoŝtpagantoj kies impoŝtoj pagas por la riparoj de homoj, aliaj damaĝoj, la leĝaj kostoj, ktp.





**Estas Mona Afero**



La fabrikoj fabrikas pafilojn kaj kuglojn por gajni monon, sen respondeco al la viktimoj de siaj mortigiloj. Mi proponas igi ĉiujn fabrikojn finance respondecaj pri ĉiuj rezultantaj monaj kostoj. Unue la mortigilindustrio devus pagi la viktimojn (i.a. Policoj, ambulancoj, kuracistoj, purigistoj, riparistoj de la damaĝo, la viktimoj, ktp, ktp). Poste la fabrikoj povus procesi unuope kontraŭ la vendistoj de siaj mortigiloj, aliaj fabrikoj (se la mortigiloj ne estas iliaj kaj la vendistoj de fremdaj mortigiloj) **sed ne kontraŭ la viktimoj.**

**Bona solvo aŭ bona songôo? Kion vi opinias? Kion vi sugestas?**

Ankaŭ estas pli grava la perdo de libereco necesa por proteki??? la homojn kontraŭ estontaj eventoj. *Roger Springer*



# Jen al Vi belega filmeto kun esperanta voĉo!

**Ni tre ŝatus ricevi vian salutmesaĝon.**

Tiu filmeto detale prezentas la avangardan Templon de Bona Volo (TBV), kiu estas la senlime ekumena Templon de Paco de LBV. En tiu Templo la homoj defendas kaj diskonigas la Internacian Lingvon Esperanto.

Por celebri la ĉijare 28-an fonddatrevenon de tiu monumento, kiu okazos la 21-an de Oktobro la miloj da homoj alvenintaj el la plej diversaj partoj de Brazilo kaj de la mondo partoprenos belega memorfeston en etoso harmonia kaj kunfratiĝa.

Do se la filmeto plaĉas al Vi, ni **plezure invitas Vin sendi vian salutmesaĝon** al la homoj, kiuj entuziasme celebros tiun daton.

**Per tio Vi kore kaj anime ĉeestos kun ni ĉiuj!**

Do frate kaj ĝoje ni atendas vian reagon!

Jen la koncerna ligilo al tiu filmeto: https://goo.gl/rERpWq Ctrl+klaku

Kun anticipa danko ni kore salutas Vin per tiu ĉi eldiraĵo de la edukanto Paiva Netto:



**La Templo de Bona Volo**

***"Ekumenismo estas natura kondiĉo kaj la spontana deziro de ĉiu homo, kiam li estas, korpe kaj Anime, kongrua kun spirito de Paco".***

Fratece kaj ekumene, *Maria Aparecida da Silva*



# Semajna raporto de Melburno

### DIMANĈA KUNVENO



Dimanĉon la 8an de Oktobro ses homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj aŭskultis (vole nevole) la muzikgrupon kiu ludis ekstere en Federation Square por la semajno de maljunuloj.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉon 15an de Oktobro je 15:00

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Lundon 16an de Oktobro je 18:30

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Sabaton 28an de Oktobro je 19:00

Ludvespero, ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 932 Instagram – 102

Facebook – 312 Telegram – 18

Twitter – 323

*Joanne Johns*






# Novaĵletero *oktobro 2017*

## *1. Slogano por oktobro - novembro - decembro 2017*

Oktobro 2017

| Lu | Ma | Me | Ĵa | Ve | Sa | Di |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | 1 |
| 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 |
| 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 |
| 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
| 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 |
| 30 | 31 | | | | | |

Novembro 2017

| Lu | Ma | Me | Ĵa | Ve | Sa | Di |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
| 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 |
| 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 |
| 27 | 28 | 29 | 30 | | | |

Decembro 2017

| Lu | Ma | Me | Ĵa | Ve | Sa | Di |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | 1 | 2 | 3 |
| 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 |
| 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 |
| 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | 31 |

Paŭzo!

http://www.movado-sen-nomo.net/

**Paŭzo!**

Motoro kiu senĉese laboras, trovarmiĝas post certa tempo. La lubrika oleo forvaporiĝas aŭ kemie disfalas, la mekanikaj partoj komencas frotadi kaj difektiĝi.

Ni homoj ne estas maŝinoj aŭ robotoj, do ni despli bezonas paŭzon de tempo al tempo!

Kiom pezas glaso kun akvo? Ne tiom multe, ĉu? Sed imagu ke vi tenas ĝin kun etendita brako. Post kelkaj horoj, la glaso sentiĝas peza! Ĉu vi sukcesos teni ĝin dum tuta tago? Supozeble ne, almenaŭ ne sen doloro poste! Estas same pri streso. Ni povas travivi iom da streso, sed ne konstantan streson. Necesas de tempo al tempo formeti tiun glason por povi daŭrigi poste. Bone zorgu pri vi mem. Ne atendu ke aliaj faru tion, ĉar ili ja ne povas scii kiel vi sentas vin. Kaj se iu jes scias, fidu tiun personon kaj aŭskultu lin/ŝin!

## 2. Sendu vian inspiron por 2018!

Ni baldaŭ preparos la kalendarojn por la venonta jaro. Viaj ideoj por inspiraj tekstoj kaj frapfrazoj estas ĉiam bonvenaj! Atentu nur ke la frazoj estu pensigaj, belsonaj kaj ne tro longaj. Eventuale vi ankaŭ rajtas sendi tradukon de bela, nacilingva proverbo (kun la originala teksto).

Ni kore antaŭdankas vin! kontakto=movado-sen-nomo.net@mail70.atl91.mcsv.net

*Vizitu nian retejon* [http://movado-sen-nomo.net/](http://movado-sen-nomo.net/) aŭ *nian* paĝon *en* [Facebook](Facebook).



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)



## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

**Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 3. En la punlaborejo (3a ero)**

Sed la bonkora registaro decidis, ke ni ĉiuj povos esti liberaj dum pasko, ili eĉ pagos por ni la ir-revenbileton kien ajn en Danlando, kie ni deziras pasigi paskon. Do mi estis devigita deziri pasigi paskon en la plej suda urbeto de la regno, kaj tion mi skribis sur la listo sur la muro. Okazis miraklo. Oni vere donis al mi ir-revenbileton de Kopenhago al tiu sensignifa urbeto en la sudo de la lando. Do, necesis nur ke mi mem pagu la bileton de tie ĝis Hamburgo. Kaj mi, malgraŭ la malpermeso de la stulta registaro dana, prenis parton en la germana kongreso, koste de la dana registaro, bone, eĉ bonege!

Subite, 16 monatojn poste, la registaro decidis, ke Esperanto ne estas lingvo, kaj malpermesis ĝian instruadon en la militrezistantejo. Rompiĝis mia koro, kaj mi sentis, ke mi malŝparas mian tempon en la belega arbaro kun la multaj cervoj, kolubroj, vipuroj, birdoj kaj limakoj nigraj, por ne mencii la formikojn !

Tiam la "saĝuloj" ordonis, ke ankaŭ mi devas ion lerni, ĉar evidente mi ne estas tiom stulta, kiom multaj aliaj, kvankam mi ne estas barbulo. Mi estas nur barbaro. Mi devis do elekti, kiun lingvon mi preferas lerni. Elektis mi neniun lingvon, ĉar mi scipovas jam la internacian lingvon, kaj ne estas mia kulpo, ke la aliaj ne scipovas ĝin.

*Daŭrigota* *Bob Felby*





**3ZZZ** La teamo de la Esperanto grupo en 3ZZZ, tutkore dankas la donacantojn de la radiotono 2017.



Henry sukcesis arigi $1300, pli ol la petita sumo. Do ni travivos plian jaron

En la elsendo de la 9a de Oktobro estis disaŭdigita intervjuo de Terry Manly pri ĝardenumado. Printempo estas la taŭga tempo por pensi pri la ĝardeno, do nepre aŭskultu la konojn kaj konsilojn de Terry.

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*